# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 26/02/2012 Tridektria Eldono 2012 26/02/2012 SENDITA


Tiu ĉi letero havas "hiperligiloj" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

Sendu 'oni diras' informon. Sekretoj apartigus nin.

## Somerlernejoj??

Mi opinias ke la Esperantistoj jam voĉdonis per la piedoj kontraŭ somerlernejoj ĉe Aŭstralio.

**Kion vi opinias?** Sendu al AE rspring@tpg.com.au



**Jonathan Cooper,** kiu jam de 30 jaroj laboras en la Artgalerio de Novsudkimrujo, prelegos en Esperanto pri "Moderna arto: kio ĝi estas kaj de kie ĝi venis?"

La prelego okazos en la Esperanto domo de Sidnejo sabaton la 26an de majo je la dua horo posttagmeze.




Mi iomete eraris, kiam mi skribis ke Jonathan Cooper jam dum 20 jaroj laboras en la Artgalerio de Novsudkimrujo, fakte ekde hieraŭ li jam laboras tie dum 30 jaroj! Mi kunsendas foton faritan de la kolegoj de Jonathan, sur kiu vi vidas plurajn fotojn de Jonathan interalie kiel li aspektis kiam li komencis labori en la artgalerio. Do ne estas dubo, ke li spertas pri arto kaj certe estos plezuro havi lin kiel preleganton en Esperanto domo (26a de majo).

Nicole Else nicole@cryogenic.net

REKOMENDU 'AŬSTRALIAJ ESPERANTISTOJ'N AL VIAJ ESPERANTISTAJ AMIKOJ. Bonvenon Clivia Frieden je Orange NSK .

La pli ol 3-monata **Esperanto-ekspozicio en la Migrada muzeo de Adelajdo** finiĝis en la unuaj tagoj de decembro 2011. En sia dankletero la direktorino de la muzeo Christine Finnimore mencias, ke dum tiu tempo oni havis proksimume 25 000 vizitantojn. Per interesa koincido nian lokon en la muzeo transprenis ekspozicio pri bahaismo. Ĝuste ĝin vizitis la adelajdaj esperantistoj la 23-an de februaro, gvidataj de esperantisto-bahaano Paul Desailly. Katja Steele <katja.steele@gmail.com>




**Esperantan promenadon je la 11-an de Marto.**
**Esperanto Domo je la 11:00 atm,** kaj poste promeni kune de Redfern al Town. Do, se vi interesus, sendu al mi vian intereson! informado@esperanto.org.au




Nun 'Google translate' kapablas traduki ankaŭ el Esperanto aŭ al Esperanto, vidu.

I http://translate.google.com/
http://thenextweb.com/google/2012/02/23/google-adds-esperanto-to-google-translate-making-it-the-64th-supported-language-neniel/
http://googletranslate.blogspot.com.au/2012/02/tutmonda-helplingvo-por-ciuj-homoj.html

La 64a subtenata lingvo
Nicole Else nicole@cryogenic.net



Multan dankon al Max kiu finfine informis nin pri la forpaso de 26 jara Marco. Por mi estis granda ŝoko kiam mi hazarde legis pri tio en januaro. Marco estis vojagxema, entuziasma, helpema. Estas tiom tragike ke lia vivo estis tiom mallonga. Por memori lin mi ja havas la intervjuon kiun mi faris en Sidnejo en 2010. Max mencias la kanton Dormu milde, do eble iuj ŝatus reaŭskulti tiun kanton ĉe http://www.youtube.com/watch?v=tiuErzIQkhg Ankaŭ multaj aliaj kantoj de Kajto aŭskulteblas ĉe Jutubo. Jen foto de Marco kaj Max kiun mi faris en Sidnejo. Nicole Else nicole@cryogenic.net